# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)

JKA

Numero 1/2, 1924 | Graz, Aŭstrio | Januaro-Februaro | III. Kolekto No 9/10


# Rigardu antaŭen, Eŭropanoj ...!

## Novjara studado 1924.

La estinta centjaro estis la centjaro de la socia problemo. Teorie kiel praktike oni pritraktis la reciprokajn rilatojn inter la diversaj klasoj, precipe inter la kapitalismo kaj proletario. Post grandega multdekjara interbatalado per literaturo, organizado tutmonda, internaciaj strikoj kaj multaj revolucioj nun finfine plejparte venkis, almenaŭ provizore, la kapitalista sistemo, dum ankaŭ la proletariaro sukcesis akiri multajn kaj konsiderindajn sukcesojn por financa kaj morala plibonigo de sia sorto. Intertempe ankaŭ nun la interbatalado akre daŭradas kaj neniu povas profeti la finan rezulton ...

Dum la lastaj dek jaroj nun la alia problemo trovis decidan gravecon: la politika, la raca, la nacia problemo: la interbatalado inter la diversaj ŝtatgrupoj, kiuj akiris aŭ akiras la superfortan kaj diktaturan influon en la tutmondaj politiko kaj ekonomio. Certe en la nuna fazo de tiu terura interbatalado estas tre interesa pripensi kiel eŭropano la ĝisnunan rezulton kaj la veran efikon de tiu ĉi malfeliĉa disunuiĝo.

Jam la unua tute simpla meditado montras al ni, ke **Eŭropo,** tiu „balkano" de la mondpolitiko, estas la centro de tiu fratomortiga interbatalado, kaj ke ĝuste la eŭropaj nacioj estas tiuj, kiuj plej multe suferas, tiel ke ni prave povas konstati, ke la ĉefa problemo de la tutmonda politiko kaj internacia ekonomio estas la problemo de Eŭropo: Se oni sukcesas saĝe kaj pripensite ordigi la aferojn de Eŭropo, Eŭropo kaj la mondo estos savata: se oni ne pace povas solvi la problemon de Eŭropo, Eŭropo pereos dum la sekvonta milito. Ruinigite per sovaĝaj militdetruadoj ĝi estos aŭ sklava teriterio de la „iama kolonio" Ameriko aŭ provinco de la tutrusa imperio. Malfeliĉe la plimulto de la eŭropanoj hodiaŭ volas kompreni nek la veran situacion nuntempan nek la certajn kaj faktajn sekvojn por la estonto. Tial ni en serio de artikoloj pritraktu mallonge kelkajn ĉefajn problemojn de la eŭropa demando.

### La detruo de la eŭropa mondhegemonio.

La plimulto de la eŭropanoj ĉiam ankoraŭ dormas kaj revas kaj imaginas, ke ia kompleta hegemonio tutmonda de Eŭropo en spirita, morala, ekonomia kaj politika rilatoj ĉiam ankoraŭ ekzistas. Sed fakte la lastjara evoluo kaj la malfeliĉa milito tute detruis por ĉiam la mondhegemonion de Eŭropo kaj kreis tute novajn mondcentrojn kaj mondpotencojn.

La 19a jarcento estis la periodo de la jarcento de la eŭropa mondhegemonio. Nur la ekfloranta Usono sukcesis sin komplete liberigi de tiu hegemonio per la deklaro kaj a[illegible] la „Monroe" doktrino: Ameriko al la [illegible]kanoj. La aliaj grandaj fortcentroj: Aŭstralio, Hindio, Afriko estis subigataj al la eŭropa hegemonio; la plifruaj mondimperioj de Ĥinujo, Persio, Turkio estiĝis pli malpli la vasaloj de Eŭropo. Tiel Eŭropo estis fakte la superforta centro de la mondo, malgraŭ la plifortiĝo de Usono sendependa. Kaj la sep grandpotencoj: Anglio, Rusio, Germanio, Francio, Italio, Hispanio estis kune la „estroj de la mondo".

Dum la unuaj dekjaroj de la 20a jarcento tiu ĉi situacio perfekte ŝanĝiĝis. Kaj inter la ĉefaj kaŭzoj de tiu politika revolucio ni trovas jenajn:

1. La elkreskado kaj de la brita mondimperio el la eŭropa ŝtatkomunumo. Plifrue Anglio estis eŭropa ŝtato kun eksterеŭropaj kolonioj. Nun la brita mondimperio estas interkontinenta ligo de multaj ŝtatoj, do por si mem jam „ligo de nacioj", al kiuj Anglio nur prezidas kiel „primus inter pares". La nuna fortcentro ne plu estas la atlanta, sed la hinda oceano, cirkaŭdonita de britaj teritorioj.

2. La emancipado de Asio: La venka evoluo de la japana imperio kaj la malrapida ekdormiĝo de ĥina popolaro kaŭzis la kreon de nova fortcentro, direktata per la flava raco. Hodiaŭ ne ankoraŭ estas sufiĉe videbla la neelĉerpebla fonto de junaj fortoj, kiuj kaŝiĝas en la flava raco. Sufiĉas konstati, ke, antaŭ la lasta tertremo, la japana imperio estis la plej forta mondpotenco post la anglosaksona raco.

3. La ekfloro de Ameriko: La pligrandiĝanta influo de la sud- kaj nordamerikaj popolaroj estas tiom klara, ke pluaj eksplikoj estas superfluaj. Sufiĉas konstati, ke Usono estas hodiaŭ la plej riĉa, la plej bone organizata, la plej progresa ŝtato de la mondo. Samtempe ĝi estas la prezidanto de la „panamerika unio", la prot[illegible] la ĥina sendependeco.

[illegible] ...opa [illegible] lon[illegible] hodiaŭ estas la sovietresp[illegible] konfederacio asia ŝtatligo, do por si [illegible] kvazaŭ unu „ligo de nacioj" kun fortcentro en Moskvo. Forlasinte la eŭropan ŝtatsistemon demokratan, ĝi elektis la asian aŭtokracion kaj nun ludas rolon kiel defendanto de la sendependeco de la asiaj ŝtatoj.

5. La ruiniĝo de Eŭropo per la milito: tre eŭropaj grandpotencoj estas detruataj per la milito, Aŭstrio, Germanio, Rusio; la du aliaj, Francio kaj Italio, estas tiom malfortigitaj per la perdoj kaj ruinoj de la milito, ke ili ne povas defendi la hegemonion de Eŭropo. Krom tio la ekonomia kaj politika batalo inter Germanio kaj Francio absorbas preskaŭ la tutan forton de tiu plej potenca ŝtato de Eŭropo.

---

## Kadenco.*)

La vivo de l' homo similas al fugo,
Moviĝante rapide inter duro kaj molo,
Ĝis fine ĝi post la kadenco de l' morto
Fortonas ĉe Dio, laŭ ties volo!

„Mi ne atendis aŭdi tiel animplenan kvarteton de majstro Beethoven en tiu ĉi urbeto!", tiel mi parolis al mia gvidanto kaj aŭskultis atente la melodiajn ŝanĝojn, la muĝantan maron de l' akompano, sur kiu la kanto de la ĉefvoĉo glitis kiel boato. La tonoj alproksimiĝis kaj ĉiam pli avide miaj oreloj esploris la fonton, el kiu naskiĝis tiuj ĉi belegaj tonondoj. Ni estis en malvasta strato de malgranda urbeto, en kiun mi estis veninta ne longe antaŭ la krepusko de la tago de „ĉiuj mortintoj".

Mi demandis la gvidanton pri la deveno de tonoj kaj li montris al mi malgrandan dometon, disigitan de aliaj domoj per ĝardeneto. La fenestroj estis lumigitaj. Li rakontis, ke tie loĝas stranga viro, kiu estas organisto en la ĉefurbo.

Mi rigardis tra la fenestro kaj vidis malgrandan ĉarman ĉambreton. En la mezo staris tablo kun ok kandelingoj; inter tiuj ĉi kvar pupitroj antaŭ kiuj sidis la kvartetludantoj. La patro ludis la primon ne tiel perfekte kiel senteme. Kontraŭe de li sidis unu de la filoj kaj ludis aldviolonon kun granda lerteco. Ĉe la aliaj flankoj de la tablo sidis la pli juna filo kiel sekundanto kaj la plej juna kun violonĉelo. La majesta alegro sonis belege! La patro ŝajnis ludi en siaj filoj, la filoj en la patro. Se la granda surda Beethoven estus ĉeestinta, li estus vidinta el ĉio, kio anstataŭas la okulon al la orelo, ke tiu ĉi kvarteto estas tiel ludata, kiel li ricevis ĝin de sia animo.

Malantaŭ la ludantoj staris lito kun blankaj toloj, super ĝi interesa bildo de juna virino. Sur la muro pendis horloĝo, kiu montris la sepan kaj tri kvaronojn. La alegro estas finita. Silente la muzikantoj formetis siajn instrumentojn, rigardis al la horloĝo kaj atendis pli longe ol ili bezonis por mallaciĝi. Laŭ la ekzemplo de la patro ili reprenis post kelkaj minutoj siajn instrumentojn kaj komencis la unuan parton de la belega adaĝio, tiu kortuŝanta demando al la ĉielo, kiu turniĝas tra la unua parto en ĉarma ŝanĝo de figuroj, ĉesas en la dua parto kun kordisŝiranta kadenco, poste en rapida tempo ripetas kiel ĝoja eĥo la sopirantan komencon kaj finas kun simila arpeĝientuto. Ankoraŭ tiu ĉi adaĝio estis ludata kun tiom da doloro kaj majesteco, ke mi ne aŭdis iufoje tiel belan kuneludon. La tonoj ŝajnis esti vortoj. Nun venis la kadenco! Rapida arĉtiro trans ĉiujn kordojn en kvarsono, tiel forta kvazaŭ ĝi volis disŝiri ilin — — — kaj en malrapidaj sonoj la horloĝo ektonis dum la paŭzo.

La ludantoj denove formetis siajn instrumentojn. Ili ekleviĝis kaj surgenuis antaŭ la lito, dume la patro antaŭ la krucifikso levis pie la malsekajn okulojn al la bildo kaj komencis preĝi. — Neniam en mia vivo mi ĉeestis scenon tiel pian, tiel strangan, kiel tiun ĉi! — La bildo ŝajnis rideti kaj mallaŭta fantoma spiro sonis tra la kordoj. Tiam ili ekstaris, ludis la kvarteton ĝis la fino, estingis la kandelojn kaj iris en la apudan ĉambron.

La gvidanto nun donis al mi klarigon.

La organisto perlaboris la ĉiutagan panon en la ĉefurbo per muzikinstruado. Li vivis kun sia fidela edzino per la muziko por la muziko. Ili havis tri infanojn kaj travivis dolorplenajn tagojn kaj jarojn. Muziko estis ja ne nur taglaboro sed ankaŭ mallaciĝo. Muziko lulis la infanetojn en dormo kaj estis la unua arto, kiun ili lernis! Subite la feliĉo aperis en la domo. Granda heredaĵo permesis al li rezigni la penan laboron kaj vivi kun sia kara familio nur por muziko

*) El la belega legolibro „Garboj" de K. Tauchmann, Paŭlus-eldonejo, Graz, prezo 1·— g. m. = 1·20 s. fr., grupoj rabaton.

R e z u l t o : La mondhegemonio de Eŭropo estas por ĉiam detruita. Plifrue timita, ĝi estas nun objekto de kompatemo.

(Daŭrigota. )

## Patriarĥo Tiĥon kaj la Vatikano.

La moskva ĵurnalo „Izvijestija“ en la Nro 149 raportis, ke patriarĥo Tiĥon petskribis al la sovjeta registaro, ke ĝi defendu la pravoslavan religion en la Polujo kontraŭ katolikismo, kiun la roma papo klopodas kun helpo de la polaj estraroj enplati en la rusan pravoslavan eklezion.

Okaze de tiu informo la ruso Evgenij Ĵidkov skribas en la kroata zagreba „Narodna Politika“ (29a de septembro 1923, Nro 97) rimarkindajn liniojn:

Al ĉiu havanta sanan prijuĝon estas perfekte klara, ke celo de tiu dokumento, skribita per la mano de la ruĝa diplomato, estas semi la semon de la malpaco inter du la plej gravaj branĉoj de kristanismo antaŭ ilia atendata repaciĝo.

La rabintoj de la aŭtoritato en Rusio bone scias, ke la spirita ligo inter la Rusio kaj la apostola Petra seĝo signifos finan finon de ilia potenco. Tial Ĉiĉerin kaj Trocki prezentas la patriarĥon Tiĥon antaŭ tuta mondo kiel malamikon de la roma papo kaj dezirantan, ke la eklezia skismo daŭru. Sed kion ili volas erarigi? Ĉu ili pensas, ke ni, rusaj emigrantoj, kaj la katolikoj de la mondo kredos, ke la patriarĥo Tiĥon post sia liberigo komencis sian laboron kun la batalo kontraŭ la katolika eklezio?

Ne volante tuŝi interrilatojn de la pola ŝtato kaj la pravoslava eklezio en Polujo, kiun la estraro igis sin fari memstaran (aŭtokefalan), ni povas pruvi, ke la ĉefo de la rusa eklezio ne vidiĝas malamiko de la posteulo sur la apostola roma seĝo, sed li montras sin anon de la ideo alproksimiĝa kun tiu eterna centro de la okcidenta kristanismo.

Kiel argumentoj estu dokumentoj, kiujn ni posedas, parolante pri la „interparoladoj“ okazintaj kun la beno de patriarĥo 1921—1922 en Moskvo. — La [illegible]ntantoj de la rusa eklezio pritaktadis kun la reprezentantoj de la katolika eklezio la problemon de la unuiĝo de tiuj du eklezioj. Krom la pastroj (protoĥiereo Arsenijev, rektoro de la moskva eklezia akademio Orlov, eksarĥo, de la rusa unuigata eklezio Leonid Feodorov, unuigita pastro en Moskvo Vladimir Obrikosov) ĉeestis ankaŭ multaj publikaj laboristoj (senatano Aleksij Arbuzov, princo S. E. Trubeckoj, Prof. Bajkov, Prof. Kuznecov) kaj multaj el la popolo. Oni gvidis la interparoladojn kun granda konsekventeco kaj reguleco depost la aŭtuno 1921 ĝis la fino de la kvadraĝesimo 1922. La partoprenantoj unuiĝis unuanime, ke la antaŭpreparo de la bazo por tiu granda kaj tiel dezirinda fariĝo, kia estas la eklezia unuiĝo, devas esti la ĉefa tasko de nia tempo. La ŝtataj estraroj rapidegis, por ke la komencoj de la pravoslava-katolika unuiĝo en la ĝermo sufokiĝu. Ĉiuj partoprenantoj estis ekkaptitaj, la plej energiaj el ili trans la limo forsenditaj . . . sen la rajto reveni en sian patrolandon Rusujon.

Oni povas esperi, ke post tio, kion ni nun memoris (laŭ vortoj de unu el partoprenantoj ĉe tiuj „interparoladoj“), estas al ĉiuj tute klara, ke la patriarĥo Tiĥon ne povis elpeti helpon de malamiko de kristana unuiĝo kontraŭ la ĉefa paŝtisto de la okcidenta kristanaro, la roma papo. Kontraŭe ni scias, ke la patriarĥo sentis sin speciale konsolita sciiginte la energian paŝon de la mortinta papo Benedikto XVa defendanta la rusan eklezion en la aŭtuno 1919 kaj ke li scias la ĉiutagan riĉan helpon de la nuna papo Pio XIa al la malsata rusa infanaro.

Tial ni firme kredas, ke patriarĥo Tiĥon ne estas malamiko de la papo Pio XIa, ĉar la amo venkas kaj unuigas. Tial ni petas la Sinjoron, ke li benu la unuiĝon de la sankta rusio kun la katolika eklezio kaj donu al ni fervoron por la vojaĝo ĝis tiu granda celo „Da vsi jedino budut — ke ĉiuj estu unu!“ J. Benkovič.





## Politika influo kaj socia graveco de la katolika eklezio en Venezuelo.

En Venezuelo, kie tuta loĝantaro kun escepto de nur 1/8 % estas katolika, la eklezio posedas nek tiom da politika influo nek tiom da socia graveco kiom en najbara respubliko Kolombio aŭ kiom en aliaj ŝtatoj hispano-amerikaj. Tiu ĉi stato sendube devenas precipe el la malklerikema politiko de iama Prezidanto Generalo Antonio Guzmán-Blanco, nomita „liberala despoto“, kiu antaŭ kvindek jaroj okazigis kaj gvidis malgrandan kulturbatalon („Kulturkampf“) kontraŭ Romo. En 1874 li fermigis ĉiujn monaĥejojn en Venezuelo, kaj la bienaj propraĵoj kaj enspezoj de la eklezio estis plimalpli laŭleĝe, forprenataj. Kvazaŭ kiel kompenso, la ŝtato pagas hodiaŭ avare malgrandan dotaĵon al la episkopoj kaj kanonikaroj, tamen ne al ordinara pastraro. Sekve malgrandiĝis konsiderinde la influo eklezia je publikaj aferoj. La eklezio malriĉiĝinta (pli ekzakte: senriĉigita) ne povis plu zorgi pri la multnombraj taskoj prezentiĝantaj sur socia agadkampo, ĉar mankis la kunlaboro kongregacia. Nur iom post iom, precipe sub la prezidanteco de nuna regnestro Generalo Juan Vicente Gómez, la kondiĉoj pliboniĝis. La interrilatoj kun la Vatikano, kie Venezuelo nun estas reprezentata per ambasadoro, notinde agrabliĝis. La papa reprezentanto en Caracas, antaŭe delegito, poste internuncio, kaj nun nuncio, ĵus sukcesis atingi etendon de la venezuela hierarĥio. Al kvin eparkioj ekzistantaj en Caracas, Ciudad-Bolivar, Calabozo, Mérida kaj Barquisimeto estas aldonitaj kvar novaj: Coro, Valencia, San Christóbal kaj Cumaná. Ĉefepiskopan rangon, ĝis nun korespondintan nur al Caracas, posedas nun ankaŭ la episkopo de Mérida.

La leĝoj priekleziaj el la epoko Guzmán-Blanco, kiuj daŭre validas, ne malhelpis ke dum la lastaj jardekoj gemonaĥoj apartenantaj al diversaj kongregacioj kaj nacioj, venis Venezuelon en ĉiam pligrandiĝanta nombro, ĉi tie sin dediĉante al multoblaj taskoj en sferoj pastreca, eduka kaj bonfara, tiamaniere kvazaŭ anstataŭante la ĉiam malpermesitajn monaĥejojn. La seminario por pastroj en Caracas estas gvidata de hispanaj Jezuitoj; ili nun ankaŭ direktas grandan edukejon por knaboj, antaŭe direktitan de francaj ekleziuloj. En kelkaj kapeloj kaj paroĥoj de la ĉefurbo Franciskanoj, Dominikanoj kaj Aŭgustanoj hispanaj ekzercas pastrecon, dume en la lernejoj gvidataj de Salesanoj ĉefe italoj instruas. Francaj religiemaj flegistinoj ekzercas bonfaran aktivecon en hospitaloj kaj malsanulejoj, kaj la francaj monaĥinoj de sankta Jozefo de Tarbes instruas grandan parton de la junulinaro de meza kaj alta sociaj klasoj en siaj edukejoj en Caracas kaj Valencia. Antaŭ kelkaj monatoj, germanaj Benediktanoj prenis sur sin la direktadon de grandampleksa orfejo kaj edukejo por knaboj, kiujn fondis venezuela pastro kaj subtenas religiemaj personoj per libervolaj monoferoj.

Ĉiuj tiuj filioj kongregaciaj kompreneble ne devas alpreni karakteron monaĥejan.

C a r a c a s , en oktobro 1923.

G. T. F r i t s c h i n g.

kaj sia hejma feliĉo. Li aĉetis la ĉarman dometon en la urbo kaj ĝojis tre kore, komenci post ventegaj pasaĝoj tiel serenan finsinfonion. Post la transloĝiĝo en la urbeton la edzino malsaniĝis. La rapida ŝanĝo de la mizero en la plej grandan feliĉon, la penado de la transloĝiĝo, atakis ŝian korpon kaj spiriton. Ŝi ne plu forlasis la liton, kaj la kuracisto dubis pri ŝia resaniĝo. La plej bona kuracisto por la suferanta virino estis la muziko. Kiam la edzo kaj la filoj ludis kune serenajn komponaĵojn de Haydn, Mozart aŭ Beethoven, la malsanino komencis vivi denove. Kontraŭ la malpermeso de la kuracisto ŝi ne lasis al si forpreni tiun ĉi konsolon. La lastan vesperon de sia vivo ŝi petis muzikon kaj precipe tiun ĉi kvarteton de Beethoven kun la kortuŝanta adaĝio kaj la belega kadenco. Ŝi petis kun mallaŭta aldono: „Tiu ĉi estos sur la tero mia lasta, kiel ĝi estis mia plej kara.“ Kiam la muzikantoj venis, ludante belege kun plena animo, ĝis la kadenco — la horloĝo sonis okfoje dum la paŭzo — profunda spiro venis de la lito — la ludantoj eksaltis — — — la patrino, la edzino estis mortinta.

Tia impreso restas por ĉiam, kaj postlasas daŭran efikon en la animo. Tiel ĉe la organisto. Dum la kadenco rompis la koro de lia edzino. Pro tio li promesis, ke la kvarteto kun la kadenco devus esti la funebra festo por la kara mortinta edzino ĉiujare al „ĉiuj mortintoj“. Kiel konscience la organisto plenumis sian promeson, mi vidis dum mia restado en la urbeto. Estas la kvina funebra festo, tiel sentema, tiel indulga, tiel infana kaj patra . . . M. T.

## La reformo de la kalendaro.

La problemo pri reformo de la kalendaro aktualiĝas denove kaj tute estas eble, ke la Ligo de la Nacioj ekprenos tiucelan iniciaton. Tial ni sciigas ĉi tie plej interesan artikolon, kiun la episkopa kanceliero de Paris donis al la ĵurnalo „La Croix“.

Du ĉefaj demandoj konsiderotaj estas en la diversaj projektoj prezentitaj por la reformo de la kalendaro: unue la demando pri la sinsekvo de la s e m a j n o t a g o j kaj due la problemo pri fikso de la P a s k o d a t o.

### I. La semajno.

Ne estas verŝajne, ke la eklezio akceptus reformon, kiu renversus la regulan kaj seninterrompan sinsekvon de la semajnotagoj; ĉar la ripozo je la sepa tago estas laŭ Dia leĝo. Tial se oni volus, ke ĉiujare la monatoj konstante komencas per la samaj semajnotagoj, necese estos, ke la jaroj estu formataj el preciza nombro de plenaj semajnoj. Sekve la ordinaraj jaroj kalkulos ekzakte 52 semajnojn aŭ 364 tagojn, tro mallongaj je unu tago kaj kvarono proksimume rilate al la astronomiaj sunjaroj. Tiu jara diferenco fariĝas unu kompleta semajno post 5 jaroj kaj 232 tagoj. Oni do devos, por restarigi ekvilibron inter la civila kaj suna jaro, aldoni unu semajnon al la jaro, post po kvin aŭ ses jaroj. Tio okazigos unu riĉan jaron de 53 semajnoj.

Oni determinos la vicon, kiun la riĉaj jaroj estos okupontaj inter la ordinaraj jaroj per suna ciklo de 400 jaroj, la plej ekzakta de ĉiuj cikloj uzataj ĝis nun. Efektive, 400 gregoraj jaroj enhavas 303 ordinarajn jarojn de 365 tagoj kaj 97 superjarojn de 366 tagoj, ensume: 110.595 + 35.502 = 146.097 tagoj. Aliparte, 400 jaroj de 364 tagoj enhavas 145.600 tagojn, do malpli 497 tagoj aŭ 71 semajnoj ekzakte. Sufiĉos do dum ciklo de 400 jaroj intermeti 71 jarojn de 53 semajnoj inter 329 jaroj de 52 semajnoj, ilin ordigante laŭ maniero tiel regula kiel eble, dividante unujn de la aliaj per intertempo foje de 5, foje de 6 jaroj. La kalkulo donas 45 intertempojn de 6 jaroj kaj 26 de 5 jaroj, ĉar $6 \times 45 + 5 \times 26 = 400$. Ĉar la intertempoj de 6 jaroj superas per 19 tiujn de 5 jaroj, 19 intertempoj de 5 jaroj estos antaŭataj po per 2 intertempoj de 6 jaroj, la sep aliaj estante antaŭataj nur per unu intertempo de 6 jaroj.

Por decidi la ekzaktan lokon, kiun okupos en la ciklo ĉi tiuj 7 intertempoj de 5 jaroj, oni povas elekti la sekvantan kombinon. La ciklo de 400 jaroj estas dividita en 7 periodojn, el kiuj 5 havantaj 62 jarojn enkalkulantaj 11 jarojn riĉajn kaj 2 havantaj 45 jarojn, enkalkulantaj 8 jarojn riĉajn, jarserioj tiel ordigitaj: unue 3 de 62 jaroj, el kiuj la 11 riĉaj jaroj sinsekvas laŭ intertempoj de 6, 6, 5, 6, 6, 5, 6, 6, 5, 6, 5 jaroj, poste unu jarserio de 45 jaroj, el kiuj 8 riĉaj jaroj laŭ intertempoj de 6, 6, 5, 6, 6, 5, 6, 5 jaroj; fine, du jarserioj de 62 jaroj kaj unu de 45 similaj ol la antaŭaj; en ĉiu jarserio, la intertempo de 5 jaroj, kiu ĝin finas, estas antaŭata per unu sola intertempo de 6 jaroj; ĉiuj aliaj intertempoj de 5 jaroj postvenas la 2 intertempojn de 6 jaroj.

Supoze, ke oni komencus apliki la novan

# La Sankta Seĝo en internacia politiko.

## Nenia daŭriga paco sen la papo. Grava konferenco en Reading.

De Prelato Dro A. Gießwein.

**Rimarko:** Tiun ĉi raporton pri la konferenco en Reading verkis nia altmeritinta kunprezidanto Prelato Dro A. Gießwein ĝuste je la lasta vespero antaŭ sia subita morto. La artikolo do estas kvazaŭ lia testamento por nia movado. Tial ĝi estu publikigata laŭvorte laŭ la teksto transdonita al ni.

En la historio de katolikaj kunvenoj en Anglujo, estis okazintaĵo unika, la kvintaga konferenco en la urbo Reading pri la „civitano katolika: lia nacia kaj internacia respondeco". La kunveno, kiu estis benita per la Suverena Pontifiko, okazis sub patroneco de l' kardinalo Bourne kaj la prezidanteco de la episkopo de Portsmouth; konsistis el reprezentantoj de multaj nacioj. El landoj, kiuj ne povis sendi delegiton, venis varmaj salut- kaj bondeziresprimoj.

### Diservoj.

La konferenco malfermiĝis per solena meso en la St. James preĝejo.

### Malfermaj paroladoj.

Je la oka okazis en la urbdomo la malferma kunveno. Antaŭ ĝi, la episkopo de Portsmouth (Dro Cotter) akceptis la parolontojn kaj aliajn altrangajn gastojn. Kelka tempo pli frue la urbestro de Portsmouth en la vasta ĉambrego de la urba konsilantaro akceptis la episkopojn, pastraron kaj mondajn delegitojn. Plezuriga orgenoludo de Sro Sydney Burrett F. C. O. antaŭis la publikan kunsidon.

### La lojaleco de l' Sankta Seĝo.

La episkopo de Portsmouth entuziasme salutata de la kunveno, laŭtlegis la malferman dokumenton en kiu li esprimis la koran bonvenon de la Portsmoutha pastraro al la delegitoj. Lia lorda moŝto aparte bonvenigis la reprezentanton de kardinalo Bourne, sub kies patroneco estis okazonta la konferenco. Lia Eminenco bedaŭrinde, ne povis ĉeesti, sed li sendis indan reprezentanton, episkopon Bidwell. Lia Lordeco bonvenigis same la reprezentantojn de l' grandaj, kiel tiuj de la malgrandaj nacioj kaj ankaŭ la eksterekleziajn delegitojn. Li esprimis la esperon, ke ĉiu agado de la veraj katolikoj disvastiĝu ankaŭ inter la homoj starantaj ekster la eklezio tiamanere, ke ili estu pretaj partopreni la laboron celantan pacemigon de unuopaj homoj same, kiel de la registaroj. (Aplaŭdo.) Kiel katolikoj — almetis ankoraŭ Dro Cotter — ni troviĝas tie ĉi kiel infanetoj de Lia Sankteco, la papo. Malgajeco regas lian koron nuntempe kaj li fervore preĝas ke Dia paco plenigu la korojn de la homaro. (Aplaŭdo.)

### Letero de la Sankta Patro.

La ĉeestantaro stariĝante aŭskultis jenan leteron de Lia Sankteco sendita al kardinalo Bourne, kiun laŭtlegis episkopo Dro Cotter:

„Eminenco!

La Sankta Patro atente tralegis vian leteron anoncanta la sub via patroneco okazontan konferencon en la urbo Reading, kiu temos pri la antaŭeniĝo de bonsento inter nacioj — por ke per ĝi la krista paco pli rapide dissŝutu ĝian lumon el interne de l' regno de Kristo, super la mondo. Tiu ĉi ege plezurigis Lian Sanktecon, precipe pro tio, ĉar vi intencas sekvi sanktan Tomason kiu precize en la sama afero montris sin eminentulo . . . Kardinalo Gasparri."

### Voĉo el Aŭstrio.

Msro Seipel skribis: „Estas niaj devoj nacia kaj ordona, konatigi al la katolikoj en ĉiuj landoj la spiriton en kiu laboras la Ligo de Nacioj ĉar ekzistas grava parenceco inter la idealoj de la ligo kaj la katolikaj principoj; despli ĉar la problemo de starigo de internacia kaj supernacia juĝistaro okupis la katolikajn pensulojn jam de iamaj tempoj. Ni esperas ke ni povos ĝisvivi la realiziĝon de la altaj idealoj de niaj spiritaj prapatroj kaj ni estas certaj pri tio ke la konferenco en Reading ege helpos atingi la deziritan celon."

### Historia resumo de la juro de nacioj.

Okaze de la vendreda vesperkunveno pastro Bede Jarett O. P. sciencule raportis pri: „La juro de nacioj, ĝia signifo kaj historio."

### Juro de nacioj.

Sabate malfermiĝis la konferenco per meso de l' Sankta Spirito en la St. James preĝejo. Pontifikis la episkopo de Portsmouth. Tiun duan konferencon prezidis pastro Joseph Keating S. J. Ĝi kun permeso de la urbestro kaj konsilantaro de Reading okazis en la urbkonsilantara ĉambrego. Ĉeestis episkopoj Bidwell kaj Cotter, la tuta pastraro kaj delegitoj.

Sro F. F. Urquhart (fakultatestro de Balliol College Oxford) prezentita per la prezidanto, prelegis firme motivitan raporton pri: „La rajto de nacioj, ĝian aplikon en la mondo moderna." Inter aliaj li diris: „Eĉ en la dekoka jarcento — kiu ja ne estis fama pri granda moraleco — la internacia rajto estis rigardata de la homoj kiel senduba idealo. Laŭ lia opinio, estas diskutebla, ĉu la monarĥa formo de regado faciligas la efektiviĝon de l' morala aŭ nemorala karaktero de ŝtataj agoj. Kiam Ludoviko XIV. en sia persono prezentis la francan ŝtaton, per tio iĝis la publikaj agoj preskaŭ privataj agoj kaj sendube respondaj al la morala leĝo. La reĝo faris militon kaj pacon, kaj eĉ la plej fidinda monarĥisto aprobus lian respondecon almenaŭ antaŭ Dio. Poste venis la franca revolucio kaj anstataŭigis — almenaŭ en Francujo — la suverenon per la popolo. Demokrataj ideoj kaj frazoj disvastiĝis de tiam en ĉiuj landoj de la moderna mondo kaj iĝis komuna parolado ke la militoj estos de nun naciaj. Tia ŝanĝo havis ja en la komenco ŝajnan avantaĝon. Ĝis tiam la popolo suferis de la frenezaj ambicioj de la reĝoj; transdonu la regadon al la popolo, ĝi estigos epokon de paco!"

Tion esperis ĉiuj en 1789. Sed la historio de l' mondo seniluziigis iliajn esperojn. De tiam ja ne okazis tiel ofte militoj kiel en la dekoka jarcento, sed ili tamen estis pli kruelaj kaj la tuta terminaro de l' nova sistemo klopodis, volvi en nebulon la nemoralan karakteron de la maljusteca milito. La reĝojn pelis persona ambicio — sed ekonomiaj tendencoj, naciaj postuloj, racaj ambicioj de moderna lando posedas tiel brilantan aspekton, ke ili povis instigi anon de registaro al apogo de eĉ maljustega agado de l' ŝtato.

### Kiel eviti militon?

Malfermante diskuton pri la prelego de Sro Urquhart, pastro Leslie Walker S. J. demandis, kiamaniere la nacia konscienco povas senkulpigi ribelon kontraŭ la suvereneco de l' ŝtato kaj sub kia principo estu kondamnita aŭ aprobita tiaspeca ribelo. La eklezio — diris li — jam multfoje aprobis la tiurilatajn fundamentajn principojn de Sa Tomaso de Aquino. Unu el tiuj principoj estas ke la reganto regas sian popolon en intereso de komuna bonstato, ne por sia

# Al ĉiuj.

**Vi ĉiuj deziras** indan katolikan gazeton monatan aŭ dusemajnan.

**Vi ĉiuj deziras** bele ilustritan „Revuon Katolikan".

**Vi ĉiuj deziras** rapidan progreson de la katolika internacia movado; do

**Vi ĉiuj devas** pagi la abonprezon por la 3a kolekto por kovri la grandan deficiton le la 3a kolekto.

**Vi ĉiuj devas** resti fidelaj al la gazeto dum la 4a kolekto.

**Vi ĉiuj devas** varbi novajn abonintojn, ĉiu almenaŭ unu novan amikon.

**Ĉiuj, kiuj ankoraŭ ne pagis por 3a kolekto ricevas admonilon kun tiu ĉi numero! Plenumu vian devon!**

---

kalendaron en 1928, kies la 1a de januaro estas dimanĉo, la 11 riĉaj jaroj de la unua jarserio estos, laŭ la ĉi-supraj reguloj, la jaroj 1933, 1939, 1944, 1950, 1956, 1961, 1967, 1973, 1978, 1984 kaj 1989, lasta de la jarserio; la riĉaj jaroj finiĝantaj la sekvontajn jarseriojn estos 2051, 2113, 2158, 2220, 2282 kaj 2327, lasta jaro de la sepa jarserio kaj de la tuta ciklo. Per la jaro 2328 komencos la sekvonta ciklo, kies la riĉaj jaroj sin prezentos laŭ la sama ordo, 2333, 2339, 2344 ktp.

Estas do perfekta ekvacio inter la 400 jara ciklo de la tiel aranĝita kalendaro kaj la 400 jaroj de la gregora kalendaro. Tiu ciklo de 329 jaroj enhavantaj 52 semajnojn kaj de 71 jaroj kalkulantaj 53 semajnojn kalkulas, kiel la 303 jaroj de 365 tagoj kaj 97 superjaroj, 146.097 tagojn aŭ 20.871 semajnojn. Ĝi partoprenas do je la perfekteco de la gregora kalendaro, kies la eraro, kiel oni scias, estas nur unu tago por 4000 jaroj.

Koncerne la aranĝo de la tagoj kaj semajnoj en la 12 monatoj de la nova kelendaro, jen kio ŝajnas la plej praktika. La ordinara jaro enhavanta ekzakte 52 semajnojn, ĉiu kvaronjaro kalkulos 13; la unua monato de la kvaronjaro povos kalkuli 31 tagojn kaj la du aliaj, 30 tagojn; tiuokaze, la sole unua monato de la kvaronjaro ekkomencos per dimanĉo, la dua per merkredo, la tria per vendredo. Sed verŝajne estas pli bone komencigi senŝanĝe ĉiujn monatojn per dimanĉo, enmetante 5 semajnojn al la unua monato de ĉiu kvaronjaro, kaj 4 al la du sekvontoj. La monatoj enhavantaj 35 tagojn estos januaro, aprilo, julio kaj oktobro; tiuj enhavantaj 28 tagojn: februaro, marto, majo, junio, aŭgusto, septembro, novembro kaj decembro. En la riĉaj jaroj tutsimple oni aldonos unu semajnon al la decembra monato, aŭ plibone al novembro je la fino de la liturgia jaro, por okazigi nur la plej malmulton da ŝanĝoj en la sinsekvo de la festoj. La lasta dimanĉo de novembro, la 22a en la ordinaraj jaroj, la 29a en la riĉaj jaroj, ĉiam estos la unua dimanĉo de l' advento. Tiel estos efektivigata la unuformeco de la kalendaro rilate al la tagoj de la semajno, sen ĉesigi nek interrompi la sinsekvon de la sep tagoj, kiuj ĝin formas.

## II. La dato de Paskfesto.

La dua demando konsiderinda estas tiu pri la Paskdato. Al ĝi oni dovas rilatigi la pli malfacilan demandon pri la festtranslokiĝo, kaŭzita per la ŝanĝo en la monatolongeco de la nova kalendaro. Ĉi tie dia leĝo ne kontraŭas; ekzistas nur disciplina afero de eklezia juro, kiu povas do plifacile konsenti ŝanĝon.

Ĉu la Eklezio konservos, respekteme je l' antikva tradicio, la fikson de la Paskfesto je dimanĉo, kiu postvenas la dekkvaran luntagon, okazanta post la printempa ekvinokso, aŭ ĉu ĝi konsentos alpreni nesanĝeblan daton por tiu ĉi festo? Nenion ni scias pri tio. Laŭ la unua okazo, la Paskdato ĉiujare ŝanĝus kaj preskaŭ ĉiam okazus unu el la kvar unuaj dimanĉoj de aprilo. La translokiĝo de la Paskfesto kaŭzos, kiel nuntempe, tiun de ĉiuj moveblaj festoj, kiuj dependas de ĝi. Sed tiam estos bezone revizi la epakttabelon, por ĝin akordigi ne nur al la kalendaro de la ordinaraj jaroj, sed ankaŭ al tiu de la riĉaj jaroj, rilate al la lastaj semajnoj de l' jaro.

En la dua okazo, la Eklezio elektos por la fiksa dato de la Paskfesto, eble unu el la aprilaj dimanĉoj, ĉiam la saman. Se oni elektus mezdaton, ĝi estos la 8a aŭ la 19a; kaj tiamaniere, ĉiuj festoj de la kalendaro nešanĝe okazos ĉiujare je la samaj datoj.

Rimarkinda estas, ke en la tiel reformota kalendaro, ĉiuj devigaj festoj niaj escepte la ĉieliro konservata je la ĵaŭdo, okazos la dimanĉon, tria de aŭgusto por l' asumpcio, unua de novembro por la ĉiujsanktulfesto, kaj kvara de decembro por Kristnasko, se oni ne dezirus rezervi al tiu festo ĝian tradician daton, oka tago antaŭ la 1an de januaro. Same estos por la ĉircumcido, la nasktago de la sankta Virgulino kaj de Senmakuliĝo. Estus eble farota la ŝanĝo de la festtago de l' anunciacio kaj de sankta Johano Baptista, kiuj okazas la okan tagon antaŭ la unua de la sekvanta monato, naŭ kaj ses monatoj antaŭ Kristnasko, kaj la determino de nova dato por la festo de sanktaj Petro kaj Paŭlo, kaj por ĉiuj kiuj okazas nuntempe post la 28a de la monatoj, kiuj estonte havos nur 4 semajnojn, kaj eble ankaŭ por la festoj de duoble supera rito kaj malsupre ĉiam nefestataj pro la nesanĝeblaj datoj de la dimanĉoj.

Kiam la reformo estos plenumata, estos nur du kalendaroj, kiuj ĉiam utilos, unu por la ordinaraj jaroj, alia por la riĉaj jaroj; kaj plie ĉi tiu lasta diferencos de la unua nur por la du lastaj semajnoj de novembro. Sed ĉu oni ne baldaŭe laciĝos per tia reguleco?

Max Roub, trad.

## Sciigo.

**Pro tekniknikaj kaŭzoj ni devis forstreki la sciigojn pri Ika-movado kaj la dankliston pri la ricevitaj donacoj. Al ĉiuj kunhelpantoj ni jam nun dankas el la tuta koro. Pluajn donacojn ni akceptas dankeme. La unua listo aperas en sekvonta numero.**

propra bono aŭ la favoro de siaj amikoj aŭ de la noblularo. Firme por la nura bonŝtato de la regataj kiel organizita korporacio. La afero de S[a] Tomaso temis pri nejusteca rega sistemo; tial li fiksis ke sub certaj cirkonstancoj la ribelo estas justa. La oratoro memorigis al la hieraŭa parolinto, pastro Bede Jarett O. P. kiu indikis al kelkaj absolutaj leĝoj. Unu el tiuj estas: „Ne mortigu.“ Kiamaniere — demandis pastro Walker — senkulpigas tiu ĉi absoluta leĝo la ekzekuton aŭ la dummilitan mortigadon? Li konkludis ke oni tiaspecajn agadojn povas nur senkulpigi sur la baso, ke ni n e vivas en ideala ŝtato, ja estas nur malaltiĝinta vivstato la nia! La ideala ŝtato estas ankoraŭ serĉota! Morala devo de la homoj estas: eviti militon, eĉ malebligi ĝin.

R e t u r n o   a l   l a   m e z e p o k o.

S[ro] G. Gavan Duffy — kiu estis prezentita per la presidanto kiel eminenta irlanda politikisto — daŭrigis la diskuton. Li diris ke estas ĝenerala opinio ke se oni estas farinta la Versaille — an pacon laŭ la principoj de la Sankta Patro aŭ almenaŭ laŭ principoj, kiujn defendis prezidanto Wilson, la stato de Eŭropo tre malsimilus al la nuntempa Eŭropo. Prezidanto Wilson estis granda idealisto, li eĉ altiĝis super sia tempo — montrante al la mondo evangelion, kiu estus meritanta pli da atento. Tiuj kiuj helpis estigi la Ligon de Nacioj, devas kunsciigi pri la fakto, ke la ligo naskiĝis sub iom malbonaj cirkonstancoj kaj laŭ opinio de la oratoro, ĵuste tiu fakto estas respondebla pro la mankoj faritaj de la ligo. Sed tio ne estas kaŭzo, per ke oni ne reviviĝu ĝin.

Ekzistis iam — daŭrigis li — vera Kristanaro, sed jam malproksimiĝis tiuj tempoj! Li ne komprenas, kial katolikoj ne konfesus sin „mezepokemaj“ (mediaevalistoj). (Aŭdu! aŭdu!) Ekzistis ja en la mezepoko multaj aĵoj, kiujn oni preskaŭ forgesis, sed kiujn indus restarigi. La riproĉo, esti nomita „mezepokema“ ne estas tiel malŝatinda ol esti nomata „moderna“. Kiu estigis la militon? — demandas li. Ne la popoloj. Ĝi estis la agado de nur k e l k a j homoj, de grupeto de sukcesplenaj politikistoj, kiuj hazarde partoprenis regadon tiam. (Aplaŭdo.) Sekvo de tio ja ne estas, ke la milito estis malprava, sed la popoloj ricevis nenian garantion ĉu ĝ i  e s t i s  v e r e  p r a v a  a f e r o? „Tio estas, kiun vi nomas nuntempe demokracio“ — almetis S[ro] Gavan Duffy inter ridado de la aŭskultantaro. La stato de aferoj estis tre nekontentiga — daŭrigis la oratoro. Li konatigis al la ĉeestantoj, kiamaniere la publika opinio estis influita dum milito per la tiel nomita „flava gazetaro“ kaj rilate al tiu, li memorigis al la konata „kadaver“ afero. Laŭ lia oponio oni povus igi ŝanĝon en tiuj aĵoj.

(Daŭrigota.)

## Recenzejo.

### Internacia literaturo.

**Annuario Cattolico Italiano 1924**, eld. Giunta Centrale de l' Azione Cattolica, Roma, 2 Via d' Aracoeli; prezo 10 liroj.

Tiu vere belega jarlibro itala, ĉa. 600 paĝoj, 1000 ilustraĵoj, enhavas la plej gravajn adresojn katolikajn de Romo kaj de tuta Italio: la kardinala kolegio, la sekretariejoj, institutoj, kongregacioj, de l' Vatikano, la ordenoj, la gazetaro katolika itala, multegaj agadoj, iniciatoj, verkistoj, gvidantoj katolikaj: U n u v o r t e  m o d e l a jarlibro, plej rekomendinda. Niaj abonintoj havas specialan rabaton, se ili plimultnombre mendas senpere per K. M.

**Ĉielfloroj**, il. monata revuo, Siracusa, Via Cavour 43.

Tiu nur religia, nepolitika revuo tre rekomendinda estiĝas depost 1[a] januaro 1924 la oficiala organo de la sicilaj katolikaj Esperantistoj. La unua paĝo ĉiam traktas pri Esperantistaĵoj, la sekvantaj pri religiaj kaj popularaj temoj kaj la virta vivo. Konsilinda por samideanoj, kiuj volas sin ekzerci en itala lingvo. Prezo pojare enlande 3 liroj; eksterlande 6 liroj aŭ 6 × poŝttarifo por eksterlanda letero en nacia valuto.

## Praktika Esperanto!

Oni jam dubas pri la utileco de nia internacia lingvo. Ĉu prave ĉu ne? Respondu vi mem, legantoj de K. M. Hodiaŭ mi provas eksperimenton, malfermante tutmondan enketon pri du religiaj temoj, al kiu bonvolu respondi ĉiuj legantoj de nia ĵurnalo, kiu havas interesajn sciigojn pri la demandoj. La respondoj estas uzotaj por Eŭharistia revuo, multe legata, kaj mi sendos ekzempleron al ĉiuj respondintoj. Eĉ mi intencas kolekti la respondojn por raporto laŭeble prezentota al la venonta Eŭharistia tutmonda kongreso en Amsterdam. Ĉu tiu agmaniero ne estas taŭga propagando de nia lingvo en katolikaj rondoj? Do tuj respondu! — Jen la enketo:

**I. La frua komuniiĝo de la infanoj.**

Ĉu ĝi estas efektivigata en via lando, dieceso?
Depost kiam?
Laŭ kia proporcio?
Kiaj kondiĉoj estas postulataj de la infanoj?

**II. La ĝeneralaj infanaj komuniiĝoj.**

Ĉu ili okazas en via lando, dieceso?
Depost kiam?
Kiam ĝi okazas en la jaro? Ĉu dum Pasktempo?
Kiel vi ilin organizas? Ĉu ekzistas speciala ritlibro?
Ĉu okazas piaj preparontaj ekzercoj? Kiom da tagoj ili daŭras? Kiaj diservoj aŭ predikoj estas organizataj? ktp.

Sendu respondojn skribitajn sur unu flanko de la papero al S[ro] Abato R a m b o u x, 5 rue Bayard, Paris 8[e] (Francio).



**„Alleluja“, Liederschatz des „Weißen Kreuzes“**, de Dr[o] M. J. Metzger, Graz, Paŭlus-Verlag; 20.000 aŭ. kr.

Tiu ĉi plej bela kantlibro de „Blanka Kruco“ estas vera trezoro de ĝojo, misia fajro, Dia amo; la kantoj, presitaj kun notoj kaj simpla akompono, estas verkitaj de frato Paŭlo (Dr[o] M. J. M e t z g e r) kaj fratro Francisko (†) kaj preskaŭ senescepte komponitaj de Dr[o] Metzger. Oni vere devas admiri la profundecon kaj originalecon de tiuj kantoj, venintaj el riĉega kaj apostola animo. La fajraj, ĝojaj, solenaj kaj amuzaj kantaĵoj estas rekomendindaj al ĉiuj katolikaj unuiĝoj, kongregacioj, junulmovadoj ktp. Kiu volas ekkoni la spiriton de „Blanka Kruco“, ĉerpu el tiu fonto. Rimarkinda estas por niaj samideanoj, ke oni inter la germanlingvaj kantaĵoj ankaŭ trovas kelkajn Esperanto-kantojn! Certe la unua g e r m a n a  k a n t l i b r o, kiu same enhavas ankaŭ Esperanto-tekstojn kaj himnojn!

## Niaj karaj korespondantoj!

Ni petas kore, afranku afable ĉiujn korespondaĵon por ni per **malofte uzataj** (bonfaraj, aerpoŝtaj k. s.) poŝtmarkoj, kaj aldonu al ĉiu sendaĵo com de eltranĉitaj markoj de formetita korespondaĵo.

Tiamaniere vi plej facile, sen grava ofero helpos al ni gajni monrimedojn por niaj laboroj. Antaŭe sinceran dankon esprimas al ĉiu helpanta

**Administracio de K. M.**



## Abonprezo de K. M. por 1924.

La subaj prezoj valoras por la **novaj** abonontoj por **tutjara** abono, por la ĝisnunaj abonintoj ili valoras por la 4[a] kolekto, komenconta per sekvonta numero. La mizera financa stato kaj la tro modesta eksteraĵo devigas nin por kelkaj landoj iom plialtigi la prezojn. Se ni komparas, ke la komunista Esperanto-gazeto „Sennacieca Revuo“ eliras monate 20 paĝa, ilustrita, kun 12 paĝa aldono, tiu hontiga fakto admonas nin, ke ni finfine faru la devon! Por komparo mi simple aldonas la preztabulon de „Sennacieca Revuo“. Se niaj samideanoj montros saman oferemon kaj fervoron kiel la komunistoj, K. M. belege ekfloros. Mi esperas, ke plimulto de amikoj **libervole** pagos saman sumon kiel la komunistoj.

## Abono por K. M. kaj Ika-kotizo 1924.

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| **Anglio** . . . . / **Aŭstralio** . . . | 3 ŝl. | 2 ŝl. | 4 ŝl. |
| **Argentino** . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| **Aŭstrio** . . . | 16.000 kr. | 16.000 kr. | 28.000 kr. |
| **Belgio** . . . . / **Luksemburgo** . | 7 b. fr. | 5 b. fr. | 10 b. fr. |
| **Brazilio** . . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| **Ĉeĥoslovakio** . | 12 ĉ. kr. | 10 ĉ. kr. | 16 ĉ. kr. |
| **Danio** . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| **Francio** . . . | 6 fr. fr. | 5 fr. fr. | 10 fr. fr. |
| **Germanio** . . . | 1·20 o. m. | 1·20 o. m. | 2 o. m. |
| **Hispanio** . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| **Hungario** . . . | 1·20 o. kr. | 1·20 o. kr. | 2 o. kr. |
| **Italio** . . . . | 6 l. | 6 l. | 10 l. |
| **Jugoslavio** . . | 25 din. | 20 din. | 36 din. |
| **Litovio** . . . . | 4 lid. | 4 lid. | 6 lid. |
| **Nederlando** . . | 1·50 fl. | 1·50 fl. | 2 fl. |
| **Polio** . . . . . | 1·20 zl. | 1·20 zl. | 2 zl. |
| **Rumanio** . . . | 40 lev. | 30 lev. | 50 lev. |
| **Svisio** . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| **Usono** . . . . | —·75 d | —·50 d. | 1 d. |

R i m a r k o. En landoj, kie ne ekzistas ankoraŭ nova ora monbileto (Hungario, Polio ktp.) oni sendu monbiletojn kurantajn laŭ la taga kurzo. Por landoj, kies monvaloraj malplialtiĝos, ni devas plialtigi pli poste la prezojn.

## Komparu la prezojn de la „Sennacieca Revuo“.

| Lando | Jarabono sen Aldono | Kotizo sen abono | Kotizo kun abono |
|---|---|---|---|
| **Anglio** . . . . | 6·30 ŝl. | 2·60 ŝl. | 7·60 ŝl. |
| **Aŭstrio** . . . | 37.000 kr. | 15.000 kr. | 45.000 kr. |
| **Belgio** . . . . | 15 b. fr. | 6 b. fr. | 18 b. fr. |
| **Ĉeĥoslovakio** . | 24 ĉ. kr. | 16 ĉ. kr. | 30 ĉ. kr. |
| **Francio** . . . | 12 fr. fr. | 5 fr. fr. | 15 fr. fr. |
| **Germanio** . . | 2·50 o. m. | 1 o. m. | 3 o. m. |
| **Hispanio** . . . | 7·50 pes. | 3 pes. | 9 pes. |
| **Italio** . . . . | 15 l. | 6 l. | 18 l. |
| **Jugoslavio** . . | 62 din. | 25 din. | 75 din. |
| **Rumanio** . . . | 100 lev. | 40 lev. | 120 lev. |
| **Svisio** . . . . | 6·25 fr. | 2·50 fr. | 7·50 fr. |
| **Usono** . . . . | 1·50 d. | —·60 d. | 1·50 d. |

**Do ne plu demandu, kial Katolika Mondo ne aperas tiom ampleksa kaj tiom ofta! Sed vi iru, kaj faru la samon kiel la laboristoj!**

## Naciaj abonejoj de K. M.

Por faciligi la abonpagon ni sciigas naciajn abonejojn. Abonintoj el nenomitaj ŝtatoj plej bone pagu per enskribita letero al K. M., Graz, Aŭstrio, Karmeliterplatz 5.

### Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. H o o k h a m, 45 Holmesdale Road, H a m p t o n  W i c k, Middlesex.
**Aŭstralio:** F[ino] M a u d  H e l m, 22 Falconer str., Fitzroy, M e l b o u r n e.
**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn!
**Belgio:** F[ino] J. A s s e n m a c h e r, 50 rue des Minières, V e r v i e r s.
**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** S[ro] Conto F e r n a n d e z, 225 Larangeiras, R i o  d e  J a n e i r o.
**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per S[ro] Fr. B u h r, Praha-Prevnov 257.
**Francio:** S[ro] Pierre J. A. M u f f a n g, 14 bis avenue Galois, B o u r g - l a - R e i n e, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).
**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar M a y r, Graz).
**Hispanio:** Prof. M a r i a n o  M o j a d o, Abascal 13, Prâl A, M a d r i d.
**Italio:** Prof. M o d e s t o  C a r o l f i, Corte maggiore, Piac e n z a.
**Jugoslavio:** P[ro] A m b r. B e n k o v i ĉ, Z a g r e b, poŝtfako 109.
**Litovujo:** S[ro] M a ĉ e r n i s, Ukmergas plentas 45, K a ŭ n a s.
**Rumanio:** Esperanto-Centro Rumana, Alea Suter 19, B u c u r e s t i.
**Usono:** S[ro] A. V i d i k o v s k i, 2833 Livingstonestr., Philad e l p h i a.

P o s e d a n t o, E l d o n e j o: Internacio Katolika (Ika), Graz, Karmeliterplatz 5. — R e s p o n d a  r e d a k c i o: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. — P r e s i s t e j o: „Styria“, Graz.